Senkultura homo estas sklava besto ISSN 0299-6987

# LA GAZETO

## ENHAVO





Kelkaj paŝoj kun
*Spomenka ŜTIMEC...*

'Vojaĝo al Kazohinio', danĝera libro

numero 81 3a de la 14a jaro 15mar99

# NIA TRIBO

**LG – Hieraŭ vi prelegis pri ĉiuj viaj libroj, kaj la genezo de ĉiu libro kaj la kialo... sed la emo verki, ĉu vi memoras kiam ŝi venis, ĉu jam kiel knabino vi havis emon verki?**

**S** – Nu, mi estis en la klaso tiu kiu skribis bonajn tekstojn, ĉu ne. Mi havis en la familio iun relative faman verkistinon, mian onklinon, kiu publikigis unu libron kiu ricevis la premion kiel la plej bona libro por junularo en la jaro 1944, kaj samjare ĝi estis malpermesita... tiu libro neniam havis grandan publikon. Sed al kulturo oni rilatis en la familio tre frue.

**LG – Kaj, kiam vi komencas verki libron, kiam vi verkas... ĉu vi bezonas longan tempon, ĉu vi verkas peceton post peceto... ĉu mane aŭ...?**

**S** – Do, kiam mi komencas verki mi ankoraŭ plejofte ne havas precizan ideon kion mi faros. Mi faras unu ĉapitron kiu ne nepre devas esti la unua... mi verkas permane... tre ofte nur skribas la ĉefajn vortojn...

**LG – Pardonu, vi diris ankaŭ ke en la banĉambro senluma, sen fenestro, vi tajpis sur komputilo...**

**S** – Jes... tio estis dum la milito, kiam mi ne povis uzi alian ejon ĉar la lumo ne rajtis eliri... mi per komputilo traktis miajn permanajn tekstojn. Unue mi skribas permane, do etajn notojn kiujn mi poste deĉifras.

**LG – Kaj ĉu plurfoje vi ŝanĝas vian propran tekston aŭ rekte ĝi estas preta?**

**S** – Mi devus multe pli labori miajn tekstojn ol mi faras. Mi ŝanĝas sed ne sufiĉe. Mi ne apartenas al tiuj kiuj fajlas ĝis perfekteco siajn paĝojn. Bedaŭrinde!

**LG – Mi imagas ke vi ne estas tuttempe verkanta. Kiaj okupoj tre plaĉas al vi kiam ne temas pri Esperanto, pri la lingvo, pri la verkado?**

**S** – Mi ŝatas esti kun geamikoj kaj plejofte dum miaj liberaj horoj foje ili vizitas min... aŭ mi vizitas ilin...

**LG – Kaj la hejmaj aferoj... ŝajnas ke – el viaj libroj – vi ŝatas ankaŭ prizorgi la mastrumadon de domo kaj aferojn kuirejajn...**

**S** – Ĉar mi loĝas sola mi ofte estas en la kuirejo... se mi volas ion manĝi, mi devas mem fari. Oni devas foje gladi, ĉu ne? Mi ŝatas gladi kaj sentas ke tio estas agrabla, sed ofte mia gladaĵo ne donas bonan rezulton.

**LG – Estis iu grava demando... Nun ĝi eskapis? Ha! jes... ĉu vi memoras la unuan romanon en Esperanto kiun vi legis?**

**S** – Mi memoras la unuan prozon kiun mi legis: ĝi estis tiu kolekto de Baghy, *Nenio por vi, Dancu, Marionetoj!* Mi aĉetis iujn mucid'... ne aĉetis, pruntis en la kluba biblioteko iujn mucidajn ekzemplerojn kaj la unua numero kiun mi tralegis estis *Kiel mi instruis angle...* tiel nomiĝas la novelo de Julio Baghy kiun mi mem legis en tiu kolekto por ke ĝi fariĝu la unua novelo kiun mi legos... Kaj poste, kiam mi venis studi al urbo Zagreb, do venis de provinco al la ĉefurbo, kaj mi eniris Esperanto-kurson, kun kontento mi rimarkis en profesia kurso ke oni traktis ĝuste tiun novelon, kiun mi jam persone legis... kaj mi sentis ke mi jam scias iom pli pri Esperanto ol miaj samkursanoj.

**LG – Se vi devus fari, kiel William Auld, bazan liston de plej bonaj beletraj verkoj... kio venas al via cerbo? Kiuj?**

**S** – Do, ĉe la pinto de tiu listo estas Manuel de Seabra, *La armeoj de Paluzie*. Mi ŝatas, por resti en la sama literatura mondo, Katalunio, *La poemo de Utnoa*. Mi ŝatas *Vivo kaj opinioj de Majstro M'Saud*. Mi ŝatas *Kiel akvo de l'Rivero*. Jen la unuaj kvar.

**LG – Iom pli ĉu vi volas diri pri *La armeoj de Paluzie*? Kial ĝi aparte plaĉas al vi?**

**S** – Do ĝi estas historio de unu familio al kiu la verkanto sentas fortan apartenon. Mi pensis ke en lia enkonduko li klarigas al ni, la leganto, la aplikon de Esperanto por akiri la dedistanciĝon de la literatura teksto. Kaj estas aro da interesaj rakontoj en la romano mem. Sed ankaŭ ĉirkaŭ ĝi la fakto, ke ĝi estas skribita samtempe en iuj landoj, en iuj lingvoj... la fakto ke ĝi ekvivis en la rusa lingvo pere de ekzemplara traduko montras la apartan obstinan vivon de tiu verko. Sed plaĉas al mi tiuj rilatoj de knabo al siaj paperaj soldatoj kaj la tuta mondo kiu kreiĝis el ili. Fascinis min la rilato de la knabo al la kostumoj de la epoko kiuj teniĝis en la domo. Mi opinias ke fakte ĝi estas tre serioza verko.

**LG – Li havas zorgon eble iom similan al la via... ke la antaŭa mondo, la mondo de niaj avoj, gepatroj, la mondo de nia infanaĝo ne perdiĝu...**

S – Tion mi sentis proksima al mia pensmaniero... ni ne havas modan verkon kiu traktas la realan mondon per tiom larĝa peniko kiel faras Manuel de Seabra en sia verko. Trevor Steele ekzemple, en sia romano *Sed nur fragmento* literas pri 'historiaj tempoj' kiuj rolas... Por Manuel de Seabra gravas 'la familio tra historio', li rigardas sian jarcenton el la vidpunkto de familiano.

**LG – Ĉu vi scias, ke Trevor Steele ankaŭ estas verkanta historion pri vasta familio aŭstralia?**

S – Jes, mi scias ke li verkadas... kaj ĝojas ke lia romano *Apenaŭ papilioj en Bergen-Belsen* aperas ĉijare en Londono en angla versio, kiu estas multe pli ampleksa ol 'la esperanta. Li grumblis ĉar li eldonis la esperantan version tro frue dum li ankoraŭ volis pli labori ĝin; la nova angla versio de la verko, tiun version li konsideras la vera.

**LG – Do ni ĵus parolis pri tradukoj. Ĉu vi preferas legi originalaĵojn en Esperanto aŭ tradukojn de aliaj libroj?**

S – Do por mi tute ne gravas. Mi ne elektas la verkojn laŭ la originalaĵoj...

**LG – Kiuj tradukoj plej plaĉis al vi... ?**

S – Estas malfacile respondi. Eble mi respondu kiu traduko restis por mi ne proksima: ĝi estis *Aniaro* de Martinson... Ĝi estas libro ne laŭ mia...

## Verkoj de Spomenka Ŝtimec

✻ *Ombro sur interna pejzaĝo*, romano
Edistudio, Pizo, Italio, 1-a eldono 1984

✻ *Nesenditaj leteroj el Japanio*
Zagreb, Kroatio – Hukuoka, Japanio, 1990

✻ *Vojaĝo al disiĝo*
HEA, Budapest, Hungario, 1990

✻ *Geografio de miaj memoroj*
Pro Esperanto, Vieno, Aŭstrio, 1992

✻ *Kroata milita noktlibro*
Pro Esperanto, Vieno, Aŭstrio, 1993

✻ *Tena, hejmo en Mezeŭropo*
Pro Esperanto, Vieno, Aŭstrio, 1996

✻ *La aŭstralia pupo*, novelaro, dulingva E-o/angla
Zagreb, Kroatio, 1997

**LG – ... sentemo...?**

S – ... ĝi ne estas je mia frekvenco, por tiel diri. (Ŝi ridas)

**LG – Ĉu vi legis nur parton?**

S – Jes (kun signifa gesto)...

**LG – Kaj tuj...**

S – Jes... Mi ŝatas verajn antologiojn... Mi ŝatas *33 Rakontoj* en originala literaturo, kaj ankaŭ ĝian pli vastan version *La Trezoro*... Post kiam mi havis personan sperton pri la milito mia plej ŝatata verkisto, pro la novelaro, estis tiam Ferenc Szilágyi.

**LG – Ĉu al vi pli gravas stilo en iu verko, aŭ enhavo?**

S – Mi pensas ke 'stilo'.

**LG – Kaj ĉu la temo de via venonta libro estas sekreto...? Vi rakontis hieraŭ pri tiu fama aktorino el Berlino, kiu translokiĝis al Zagreb pro la nazia reĝimo, ĉu estis jam antaŭ aŭ ekzakte je la komenco?**

S – Ekzakte je la komenco.

**LG – Ĉu ŝi estis judo?**

S – Ne, ŝi havis judan edzon, ŝi faris tion pro solidareco al li...

**LG – ... ŝi havis eksterordinaran vivon... Eble estas iom ĝene al vi paroli pri ŝi, kaj plie al tiu aparato, sed, se vi povas...**

S – Mi ne scias, ĉu mi finos tiun libron, sed komencis ĝin. Kelkfoje okazas ke mi komencas unu verkon, kiun poste mi ne finas. Ekzemple, vi persone demandis hieraŭ pri *Gastamo*... mi ne multe traktis tiun tekston. Teksto pri 'gastamo', tio estis unue novelo, poste mi, por la bezono de la kongreso en Antverpeno, kreis el ĝi malgrandan teatraĵon. La persono kiu rolis unue laŭ mi en tiu teatraĵo pereis... (iom hezite) malaperis en la milita nokto. Tiu estis mia kolego Rene Matoušek, kiu por la antverpena kongreso verkis la muzikon por mia teatraĵo.

Do mi komencis kolekti informojn pri la vivo de tiu speciala homo, verkis pri kio temis, ĉapitron pri la maniero kiel malaperis tiu sinjoro... kaj poste metis ĝin flanken...

... kaj do komencis trakti novan temon... la provizora nomo de tiu rakonta libro, eble neniam finota, estas *Tilla*.

**LG – Kun du 'lo'...**

S – ... kun du 'lo', jes... 'Tilla' estas mallonga formo, do karesnomo.

LG – Kiel 'Tena'.

S – Jes. Estis la nomo fakte de 'Otillio'... la inspiron por ĝi mi trovis en la vivo de granda germana aktorino, Tilla Durieux, kiu estis tre fama en la tempo de la dudekaj jaroj...

'Durieux' fakte estas franca nomo. Ŝia familia nomo reale estis Godefroy, ŝi loĝis en Vieno, ŝi naskiĝis en familio de slava patrino kaj franca patro. Vieno estis ŝia naskiĝurbo, teatro estis ŝia obsedo, kaj post la unua rezidaĵo en Olomouc kaj Vrocklavo ŝi forigis al Berlino kie ŝi ricevis malgrandan rolon en la teatro de Marcel Hatt kaj tiel komencis ŝian karieron. Al tiu kariero specife kontribuis fizike la pentristoj de ŝia epoko: restis ŝia portreto, ekzemple, de Kokoschka inter multaj famuloj de ŝia tempo. Sed la plej fascina estas la fakto ke pentris ŝin ankaŭ Aŭgusto Renoir, en la jaro 1914 en Parizo. La portreto hodiaŭ konserviĝas en Novjorko.

Do tio estas realaj faktoj pri tiu fascina aktorino, kies bildkartoj aperis en la 20aj jaroj ... Ŝi estis la persono kiu difinis la modon de tiu tempo kaj simile. Post tio venis la epoko de nazioj kaj ŝi de iu teatraĵo, de la lasta akto, forkuras al Prago... ŝi venis kvin minutojn antaŭ la ekiro de la trajno,... (Spomenka ridas) kaj ŝi sendis per iu helpanto teatra mesaĝon al la edzo. Tio estis fuĝo de Germanio nazia.

LG – Ŝi unue fuĝis sola... aŭ kun la edzo...?

S – Kun la edzo.

LG – En la sama trajno?

S – Jes, ili sukcesis fuĝi al Prago, kaj poste komenciĝis tiu reala vivo de elmigrintoj. Ŝi mem elektis la sorton de elmigrinto.

LG – ...kaj fuĝis el Prago kiam Hitler aneksis...?

S – Ne. Vere Prago estis nur elirpunkto. Ili fakte elektis Zagrebon. Ili loĝis en Zagreb. Zagrebon ŝi elektis ĉar foje ŝi prezentis Ŝiller dum turneo en Zagreb. Ŝi ludis *Don Carlos*.

LG – En kiu lingvo?

S – En la germana. En Kroatio Zagreb estis ĉefurbo de la germana lingvo dum multaj jaroj.

LG – ... do sufiĉe por ke ankoraŭ estu ...

S – ... ĝis hodiaŭ, jes...

LG – ... ankoraŭ estas publiko por germana spektaklo!!

S – ... multe pli ol oni pensas. Do ŝi loĝis en Zagrebo, ŝi konatiĝis kun iu grafino zagreba, kiu poste helpis trovi hejmon... ŝia tria edzo, kiu estis bankspertulo, fakte pereis. Li estis kaptita de Gestapo... li unue fuĝis al Turkio por eskapi al Usono... tio ne sukcesis.

Sed tiu vivo de artisto Tilla Durieux en Zagrebo estas tre fascina. Ŝi unuflanke vivis tre modestan vivon kiel kudristino de pupteatro... Ŝi gvidis kurson en pupteatro. Ĉar ŝia dua edzo estis fama artisto, ŝi havis grandan kolekton da artaĵoj: multajn oni ne povas trovi nuntempe... Granda kolekto, kiu estis je la dispono de la urbo ĉiudimanĉe posttagmeze... en Zagrebo... en la palaco de la grafino.

Kaj, ĉar hazarde okazis ke mi heredis la semajnfinan domon de tiu grafino pro familiaj kontaktoj, mi pensis ke mi al la familio havas ŝuldon, kaj ke indus iomete prifosi la dudek jarojn de fama aktorino en provinco: kion ŝi faris, kiel ŝi vivis, kiel ŝi en la milito kreis estimon al la germana lingvo, kaj edukis tutan generacion de artistoj, kaj poste revenis al Berlino kaj rekomencis sian aktoran karieron estante 72-jara.

LG – Kiam ŝi venis, en 1933, ŝi estis tre juna...

S – Ŝi estis 52-jara, kaj 20 jarojn ŝi pasigis en Zagreb.

LG – Kiamaniere vi trovis tiom da detaloj pri ŝi?

S – Zagreb estas tre granda kultura centro, ĝi donas al mi multajn kulturajn spronojn. Simple ekzistas ŝia ĉambro en la muzeo de la urbo Zagreb. Kiam mi vizitis tiun ĉambron mi vidis: 'Ha, jen la ĉefa domo de mia bieno', en kiu okazis tiom da kulturaj eventoj en la 30aj jaroj... kaj indus tion esplori ĉu ne?

Mi mem en mia bieno kreas malgrandan Esperantan centron.

LG – ... la bieno heredita de ŝi?

S – ... heredita de la grafino... Kaj mi pensis do: 'indus esplori pri la historio de ĉefa familio', kaj rilate ĝin mi komencis prifosi...

LG – ... kaj tiu bieno, ĉu granda...?

S – Fakte ĝi ne estas tre granda: terpeco de 2000 kvadrataj metroj kaj domo kiu estis kons-



La 'ĉefa domo' de la bieno de Spomenka Štimec, desegnis Ante Despot

truita en marto 1848, unu monaton antaŭ ol ĉesis la feoda sistemo en tiu parto de Eŭropo. Do, historie ĝi estas protektata domo.

Ĝi havas unu salonon, kie eblas fari Esperanto-aranĝojn, kaj kelkajn dormejojn en la staloj kaj fojnejoj kaj aldonaj konstruaĵoj.

LG – ... do... sen komforto? Aŭ kun komforto? Ĉu la domo estis regule loĝata antaŭ ol vi heredis ĝin?

S – Ne. Ĝi estis forlasita en 1957, kiam mortis la lasta loĝinto. Sed ĝi havis meblojn, ĝi havis belegajn pentraĵojn.

LG – Kaj do vi intencas fari el ĝi, eble jam faris Esperanto-centron.

S – Fakte mi ĝin rekonstruis multe... ke ĝi estu loĝebla, konstruis banejon ktp. Kaj provizore mi disponigas ĝin unufoje monate, de februaro al oktobro, al 'Orbis Pictus' en Triesto, kiu faras diversajn programojn. Estas por malgrandaj grupoj, se venas pli grandaj grupoj kompreneble oni bezonas vilaĝajn ĉambrojn.

LG – Ho! Estas preskaŭ fino de la bendo... kaj fino de via libera tempo! Lasta demando: kiun libron vi ŝatus legi nun en Esperanto? Ĉu libro el la plej freŝaj, aŭ el la plej malnovaj...? Kiam vi havos tempon, kion vi legos?

S – Ĝuste mi ne povas rememori kion mi legis laste, aŭ kio estas sur mia tablo... Ha! jes *Survoje ĝis tien*. Kaj mi legis laste la *Fabeloj* de la fratoj Grimm, la tradukon de Kabe. Mi legis por refreŝigi la lingvon kaj fantazion de fratoj Grimm.

LG – Kaj ĉu estas unu libro, kiun vi ŝatus legi, kaj kiu mankas al vi?

S – Fakte mi lastetempe ricevis donacon de Manuel de Seabra. Mi ricevis iun libron de li, kiun mi ne bone komprenis: kio ĝi estas, ĉu ĝi estas en la katalogo de vendejo...? Mi tre ĝojus ke ĝi ekzistu en Esperanto por kompreni, kio ĝi estas. Do mi ŝatus legi ion de Manuel de Seabra... aŭ de Trevor Steele.

LG – Do dankon Spomenka!

*LG = MdZ*

**ndlr:** ***Ni atentigas niajn legantojn, ke nia intervjuo estis rekta, perparola kaj nepreparita de la intervjuito, kiu, en tiaj cirkonstancoj povis erari, kaj kiu rajtas sin korekti skribe en venonta numero.***





# MIRLANDO



Kial Litovio tiel fekundas? Mi ne travidas la financan flankon, sed iel LEA sukcesas reklami senpage kaj ricevi senpage klasĉambrojn (la lernantoj ne pagas kotizon). Tio sendube tre gravas. Alia faktoro en Vilnius kaj Visaginas estas la ekzisto de filioj de la Moskva Universitato. En tiuj du urboj estas multaj rusdevenuloj (fakte Visaginas, fondita por loĝigi la tekno-eliton laborantan ĉe la nuklea reaktoro, estas preskaŭ pure rusa). Tiuj homoj deziras studi en rusa medio. Ĝis nun la litova ŝtato rifuzas agnoski iliajn diplomojn. Refoje mi ne povas ĉion kompreni, sed ŝajnas al mi, ke tiuj ruslingvuloj, esperante trovi 'eŭropajn' kontaktojn, sin turnis al nia AIS – kaj pro tio ili nun volas lerni Esperanton. Kiel ajn estu, estas ĝojige vidi tiom da inteligentaj junaj homoj en miaj klasoj; fakte la meza aĝo estas pli-malpli 23.

Sed eĉ la elstara reklamado kaj la 'rusa faktoro' ne ĉion klarigas. Same kiel en aliaj landoj, estas forta premo lerni la anglan (malpli forta lerni la germanan – aliajn lingvojn oni apenaŭ eĉ reklamas). Do kial litovoj tiel bonnombre enskribiĝas por lerni nian lingvon? Se ĉiulande estus tiel...

Direndas tamen, ke la ĉefa atingo de la movado ĉi tie estas tiu okazigo de klasoj por komencantoj. La kluba vivo de jamaj parolantoj ne estas vigla. Ni esperu, ke el la centoj da lernantoj ekestos iam vere forta movado.

Litovio estas mirlando por vaganta instruisto de la internacia lingvo. Mi kredas, ke eĉ en urbeto, se E-kurso estus taŭge anoncita, venus pli da interesatoj ol, ekzemple, nia aŭstralia movado sukcesas altiri tutkontinente.

Litova Esperanto-Asocio okazigas unumonatajn intensajn kursojn, t.e. po 90 minutojn kvinfoje semajne. Miaj unuaj kursoj en Vilnius komenciĝis la 19an de oktobro, je 12.00, 14.00, 16.00 kaj 18.00. Aperis pli ol 220 homoj, pli ol la ĉambroj povas sidigi. Oni persvadis 80 el ili atendi la novembrajn kursojn. El la restantaj 140, restis ĝisfine 125. Probable almenaŭ 100 volis tuj fari daŭrigan kurson, sed ne eblis doni tian kurson, ĉar intertempe amasiĝis preskaŭ 200, kiuj intencis komenci en novembro. Do ni proponis al la 125 daŭrigan kurson en januaro. La 'problemo' estas ke ni devis persvadi multajn novulojn prokrasti sian unuan kurson ĝis januaro...

Mi do instruas tage ok lecionojn en Vilniuso, kaj ĉiun duan semajnfinon mi donas tage ok lecionojn ĉe filio de la Moskva Universitato en la urbo Visaginas (tuj apud giganta nuklea reaktoro, modelo ĉernobila!). Tie estas nur 40 lernantoj. Imagu: en Sidnejo aŭ Melburno 'nur' 40!

*Trevor STEELE*



# KIO ESTAS KULTURO?

Jen de longe mi rimarkas, ke la ĉefaj ĵurnaloj de mia lando prezentas en siaj dimanĉaj eldonoj diversajn sekciojn: opinia, internacia, nacia, politika, ekonomika, agra kaj brut-breda, scienca, serva, reklama, sporta, monduma, kultura, spektakla ktp.

Mi komprenas la signifon de la titolo de ĉiu sekcio, escepte de la sekcio pri kulturo. Mi foliumas la ĵurnalon kaj rimarkas, ke la paĝoj respondaj al tiu titolo traktas preskaŭ ekskluzive pri literaturo, muziko, kino, teatro kaj baleto. Multaj personoj, kun kiuj mi konversas kaj diskutas, ŝajne pensas, ke la kulturo konsistas nur el tio. Kaj mi demandas al mi: ĉu vere la kulturo ampleksas nur kion oni nomas, aŭ nomis, belartoj? Dum miaj matenaj promenoj mi cerbumas pri ĉi temo kaj tial, ke ŝajnas al mi troigo redukti la sencon de 'kulturo' al nur tiuj artoj, mi decidas trakti la aferon kun mia komputero.

Jen mi sidas antaŭ la ekrano kaj faras al ĝi demandon: kio estas kulturo? La jankia interno de la maŝino iom bruetas kaj tuj poste rivelas la jenon:

**culture 1** *cultivation of the soil,* **2** *production, development or improvement of a particular plant, animal, commodity etc.* **3** *the growth of bacteria, microorganisms, or other plant and animal cells in a specially prepared nourishing fluid or solid / a colony of microorganisms or cells thus grown,* **4** *development, improvement or refinement of the intellect, emotions, interests, manners and taste / the result of this; refined ways of thinking, talking and acting,* **5** *development or improvment of physical qualities by special training or care,* **6** *the ideas, customs, skills, arts etc. of a people or group, that are transferred, communicated or passed along, as in or to succeeding generations / such ideas, customs etc of a particular people or group in a particular period; civilisation / the particular people or group having such ideas, customs etc.*

Nu mi vidas, ke temas pri vasta difino kun multaj sencoj, sed la plej adekvata al mia esploro estas la sesa.

Laŭ tiu senco, ĉiuj ĵurnalaj sekci-titoloj devus aperi kiel subtitoloj de titolo ĝenerala, nome KULTURO, kiun neniam oni devus prezenti kiel ion apartan de la ekonomiko, la scienco, la sporto aŭ alia ajn homa aktiveco.

Pensante, ke eble troviĝas pli bona difino, mi konsultas la vortaron de la hispana Akademio de la Lingvo kaj trovas:

**cultura 1** *cultivo //* **2** *culto, homenaje reverente que se tributa a Dios //* **3** *'conjunto de modos de vida y costumbres, conocimientos y grado de desarrollo artístico, científico, industrial, en una época o grupo social etc.*

En ĉi vortaro la difino 3, tre simila al la antaŭa 6, estus same adekvata. Sed ni vidu kion diras la germanoj en sia Mackensen-vortaro, en la difino pli proksima al la antaŭaj:

**Kultur** *Gesamheit aller Lebensleitungen eines Volkes.*

Laŭ la Larousse-vortaro, la francoj esprimas sin jene:

**culture** *ensemble des connaissances acquises; instruction, savoir // ensemble des structures sociales, religieuses etc., des manifestations intellectuelles, artistiques etc. qui caractérisent une société.*

Fine la *Plena Vortaro de Esperanto* donas la jenan difinon:

"**Kulturo 5**. Prizorgado kaj perfektigado de la spirita evoluo de homo. RIM. Kulturo estas precipe spirita, civilizo estas ankaŭ materia; kulturo postulas komprenon pri belartoj ks., civilizo postulas krome la mildiĝon de la sociaj rilatoj, krom la teknika perfektiĝo de la vivrimedoj." (???)

Mi pensas ke, el la vortaraj difinoj, la germana pli bone kaj koncize esprimas tion, kio devus esti la koncepto 'kulturo' rilate al la ĝenerala aktiveco homa, nome, la kulturo ampleksas ĉion ne naturan, ĉion faritan aŭ pripensitan de la homo. Tiel do, birdo-nesto ne formas parton de la homa kulturo, sed ornitologia traktato por studo kaj analizo de la birda vivo estas ja faro de la homa kulturo. La katedralo de Burgos, la Kvina Simfonio de Beethoven, la kremaciejoj de Buchenwald, Don Quijote, la bombadoj de Coventry kaj Hiroshima, la surrokaj pentraĵoj en la kavernoj de Altamira, la menhiroj de Stonehenge, la paf-ekzekutoj en La Moncloa (tiel la ekzekutoj mem kiel la tiutema pentraĵo de Goya) kaj ankoraŭ multege pli same formas parton de la homa kulturo vole nevole... Kial

do ni traktas aparte, sub la titolo 'kulturo', nur kelke da homaj agad-kampoj, nome belartoj (arkitekturo, skulpturo, muziko kaj pikturo) kaj krome literaturo, teatro kaj danco? Ĉu ne por paradi – paradi antaŭ kiu? – ke la 'kulturo' traktas pri 'unuarangaĵoj', dum 'subrangaĵojn' oni devas kaŝi sub masko? Kial la scienco kaj la muziko ne formas parton de unu sama kulturo? Kial ne la religio? Dedukteblas el ĉi apartigo de titoloj, ke iuj aktivecoj estas pli distraj, agrablaj kaj akceptindaj ol aliaj kaj ke, sub influo de la sento, ne de la racio, alprenas al si la ĝeneralan titolon KULTURO, je la damaĝo de aliaj aktivecoj same homaj.

Ni konsentu provizore tian ideon sed necesas analizi kaj diskuti la demandojn, kiujn tio levas. Por eviti ambiguaĵojn ni skribos 'KULTURO' kiam temos pri la universala koncepto de la homa aktivado, kaj 'kulturo' kiam temos pri la limigita koncepto de la belarto kaj ties asociaĵoj.



Albrecht Dürer, *Memportreto*, 1493
Parizo, Louvre-muzeo

Unu el la plej konataj manifestiĝoj de la kulturo estas la pentr-arto.

La unuaj artistoj eble aperis spontane en primitivaj epokoj, kiel oni povas imagi surbaze de argilaj artefaktoj kaj de prahistoriaj desegnoj sur kaverno-muroj. Tio rivelas la impulson fiksi bildojn, 'deteni' la tempo-pason, prezenti la fuĝan momenton de antilopa salto, de taŭra elano aŭ de apra atako, postlasi man-spuron sur roko, konservi per figuro la memoron de granda ĉefo aŭ militisto. Tia estas la fundamento, la naskiĝo de artisto.

En pli proksimaj etapoj de la homa evoluo kreiĝas rilato inter artisto kaj kliento. La unuaj klientoj apartenis al la klasoj plej riĉaj: reĝoj, princoj, nobelaj familioj kaj, precipe, religiaj ordenoj. En la mez-epoka pikturo abundas portretoj kaj figuraĵoj religiaj kaj mistikaj. Poste, en la Renesanco, potencaj familioj intervenas kiel 'mecenatoj', kio signifas grandan helpon monan por la artistoj. Ankoraŭ ne ekzistis rafinitaj teknikoj por la pentro de pejzaĝoj. La koncepto pri perspektivo pli konkretiĝis kaj evidentiĝis unue dank' al artistoj kiel Pierro della Francesca, Leonardo da Vinci kaj Alberto Durero kaj poste per la matematikaj studoj de Descartes, Fermat kaj Pascal.

La pentristoj sen mona helpo renkontis grandajn malfacilojn. La fino de la 19ª jarcento kaj la komenco de la 20ª estis la bohemia epoko, ĉefe en Parizo, kie multaj artistoj postmorte famaj, vivis preskaŭ mizere sen trovi klientojn por siaj pentraĵoj.

Kreiĝis novaj pentro-manieroj kaj skoloj kaj komencis aktivi la peristoj, t.e. komerca aspekto pli ampleksa ol la iama rilatiginta la artistojn kun la aĉetantoj. Pentraĵoj de artistoj kiaj Monet, Gauguin, Renoir aŭ Picasso, ne atingis grandan valoron monan ĉe sia apero sed poste, jam en plena 20ª jarcento, vendiĝas tiel alt-preze, ke neniu el ties aŭtoroj povintus tion imagi. La peristoj rapide kaptis la okazon akiri grandajn profitojn per la disvolvo de tiu nova art-merkato. Tiel komenciĝas la komercigo de tio, kio ĝis tiam estis ARTO. La peristoj helpis sin per novaj procedoj sukcese uzataj en aliaj branĉoj komercaj, nome la reklamo kaj la sugesto plus la interveno de alia nova elemento, la 'kritikisto spertulo pri arto'. Temas jam pri senkaŝa prostituado de tio, kio komence estis ARTO kaj poste transformiĝis en KOMERCON antaŭ la nai-

va kontento de la ĝenerala publiko, kiu subite vidas sin flatata kiel 'kultura ento', kvankam oni ruze kondukas ĝin sur la vojon sugestitan de la merkat-manipulantoj.

Hodiaŭ la mezur-unuo de la 'arta' valoro de pentraĵo estas la mono. Muzeoj, art-galerioj kaj piktur-fakaj komercistoj konsultas periodaĵojn en kiuj aperas la 'lastaj prezoj' de art-verkoj de difinitaj pentristoj. Ĉi prezoj dependas kaj de la famo de la artisto kaj de la dimensioj de la pentraĵo kaj, krome, de la rezulto de la lastaj aŭkcioj. Tio estas, oni negocas pri art-verko kiel pri komercaĵo aŭ valor-paperoj. Kio do estas la arto? Kaj sekve, kio estas la 'kulturo'?



Mi supozas, ke la artisto plenumas subjektive sian laboron. Kaj se lian pentraĵon kontemplas dek personoj, ĉiu el ili opinios pri ĝi laŭ sia propra est-maniero kaj kultur-nivelo.

Kaj jen, estas nun okazo fari virtualan eksperimenton. Por ekzemplo: oni aŭkciis pentraĵon de Picasso, kaj ĝi atingis la prezon de du milionoj da dolaroj. Samtempe oni faris mil kopiojn de la verko pere de elektrona skan-esploro en printiloj de grandega distingo-kapablo kun perkomputora nuancado de tonoj kaj koloroj. Kaj tiuj kopioj presiĝis sur toloj faritaj per la sama klaso de fibroj kaj la sama teks-aranĝo de la originala tolo, tiel ke nur la apliko de metodoj bazitaj sur radioaktivaj izotopoj povus riveli la diferencon inter originalo kaj kopioj. La tuta kosto de la eldono de mil kopioj estis 100.000 dolaroj. Kaj jen la demando: kiom valoras ĉiu kopio, de 'arta' vid-punkto, se konsideri ke nur pere de teknika ekspertizo oni kapablas distingi la originalon disde iu ajn el la kopioj? La ekstazo, la arta-kultura orgasmo, kiun ricevas 'kultura' persono ne scianta pri la mistifiko, estus la sama antaŭ la originalo kiel antaŭ kopio. Ĉu do la 'arta valoro' de ĉiu kopio egalus al du milionaj da dolaroj? La valoro de la produkto-kosto de ĉiu kopio estus cent dolaroj. Kaj, la vendo-valoro, per aldono de cent dolaroj por profito kaj ĝeneralaj elspezoj, estus ducent dolaroj. Nu, kiomas la reala 'kultura' valoro de iu ajn el la menciitaj bildoj, tiel la originalo kiel la kopioj? Kion opinius ĉi-rilate la 'art-spertulo'? Kaj kion pensus la naivaj 'kulturuloj', kiujn facile manipulas la komerca artifiko nomata arta k u l t u r o?

Fakte jam okazis ridindaj epizodoj. Dum multaj jaroj montriĝis en muzeoj ian bildon pentritan de fama artisto, sed poste esploroj surbaze de alta teknologio scienca pruvis neaŭtentika la pentraĵon kaj ĉar 'ne inda' oni retiris ĝin el la ekspozicio. Tiaj aferoj metas en embarason nombron da muzeologoj, kuratoroj kaj 'kulturuloj' kaj similaj, kiuj insistas instrui al ni kial kaj kiel ni devas kontempli kaj apreci ian artaĵon, kvankam ili mem orientiĝas per falsa kompaso.

La artisto, la kreanto, havas la meriton, bonan aŭ mavan, strebi en sia metio. La peristoj kaj art-kritikistoj trovis la manieron vivteni sin. Kaj rilate la ĝeneralan publikon, oni sentas ke en ĝiaj opinioj abundas afektado, nefirma memcerteco, konfuza ideo pri la tereno sur kiu ĝi staras kaj mal-kuraĝo nomi la panon pano kaj la vinon vino.

Nun ŝajnas oportune ripeti la historion de specialisto en 'reserĉoj rilataj al la varmo-transmisio en termikaj motoroj por plibonigo de la rendimento'. Ĉi specialisto estis ĵus veninta en la urbo, kie situis la fabriko, kaj oni invitis lin al 'kultura' kunveno en la loka ateneo. Tie oni parolis pri poetoj, romanistoj, muzikistoj... oni komentis pri la lastaj filmoj kaj pri la tendencoj de la moderna muziko... kaj la kompatinda fakulo sentis sin tute konfuzita kaj nekapabla interveni en la konversacioj. Unu el la ĉeestantaj sinjorinoj vidis lin tiel izolita kaj neniodira, ke ŝi volis babili kun li, sed sukcesis eltiri el li kelke da vortoj, ĝis fine la kompatindulo konfesis, ke nenion li konas pri la traktataj temoj. La sinjorino ĝentile diris: "sed vi havas aspekton de kultura persono". Al tio li respondis: "Nu, dependas de la senco aplikebla al la vorto k u l t u r o. Por ekzemplo: ĉu vi scias kiom da sekvoj por la vivo deduktiĝas de la dua teoremo de la termodinamiko?"

La sinjrino retiriĝis ofendita.

La koncepto 'socia', kiun oni volas apliki al la k u l t u r o, estas tute relativa tra la tempo, kaj tion bone konfirmas la m o d o. Kio en difinita momento furoras, ekzemple la formo de vesto,

# NIA KULTURO

la stilo de poezio aŭ de muziko, menciiĝas kiel la 'zenito en la kultura mondo'. Post kelka tempo, kiam la novaĵo ĉesas esti modo, ŝajnas ke ĝi perdas parton de sia kultura valoro se juĝi laŭ la vendo-kvanto de la koncernaj produktoj (vestoj, literaturaĵoj, muziko-diskoj, pentraĵoj, enir-biletoj de kinejoj kaj teatroj ktp.) manke de alia pli adekvata mezur-unuo. Same okazas rilate al verkistoj, pentristoj, muzikistoj kaj film-aktoroj, kio motivas, ke en la societaj rondoj oni parolas pri famuloj, pri titoloj, pri skoloj ktp. kaj tiel oni distriĝas kaj pasigas la tempon tre kulture. Kaj denove leviĝas la demando: kia estas ĉi kulturo (opone al la KULTURO) kiu havas sorojn kaj sobojn, en siaj kotizoj, tiel similajn al tiuj de la konsum-produktoj de populara ĉiovendejo? Eble oni povus analizi la diferencon, se oni enkondukas la koncepton 'utilo'.

Nu, ni imagu alian virtualan ekzemplon supozante ke ĉio, kion oni konsideras kulturo, malaperus sen postlasi spurojn. Kio okazus? Oni ne aŭskultus koncertojn, ne ekzistus pentraĵoj, nek teatraj prezentadoj, nek baletoj, nek romanoj, nek telefelietonoj, nek kompetentuloj, kiuj instruus onin kiel harmoniigi kravaton kun ŝuoj, aŭ kian glas-tipon uzi por trinki difinitan vinon, aŭ kiun libron oni devus legi... Ja sen tiaj distroj la vivo estus multe pli teda, griza kaj deprima... sed sen pli gravaj kontraŭaĵoj.

Nun ni supozu la samon sed en la sfero de aktivecoj ne apartenantaj al tiu kulturo, nome la laboro de forĝistoj, lignaĵistoj, elektristoj, la intelektaj kreaĵoj de fizikistoj, kemiistoj kaj matematikistoj, la fizikaj klopodoj de kamparanoj kaj fiŝistoj... Kio okazus se ĉio ĉi definitive malaperus? Ĉu ne vera katastrofo?

Jam komencas klariĝi la dintingo inter tiuj du konceptoj. La kulturo estas esence 'distra' dum ĉio ekster la kulturo havas 'utilisman' karakteron. Sekve la kulturo konsistas en la parazita parto de la KULTURO. Sen la kulturo oni povus plu vivi sed en plej profunda tedo. Sed sen la ne-kulturo ne eblus la ekzisto de la civilizo nek de la homa vivo en ties nuna formo kaj, des malpli, de la kulturo. Nia vivmaniero eble similus al la simia... Tiel do, kial oni tiom enfazas la kulturon kaj al kio ŝuldiĝas la aroganto de la sinnomantoj kulturuloj?

Ni trovos eble parton de la respondo se perpense ni reiras kelkajn jarcentojn en la homa historio. Ŝajne la unuaj manifestiĝoj de ĉio, kion oni konas nun kiel kulturo, havis la formon de ŝtonaj figuraĵoj, aŭ de son-frapoj per kanoj kaj fibroj, aŭ de ritmaj batoj sur kavaj trunkoj, aŭ de saltoj kaj krioj kunordigitaj inter kelkaj membroj de homa grupo. Temis pri faroj kiuj havigis distron kaj amuzon al la agantoj kaj al la spektantoj kaj iel anoncis la postan aperon de la pikturo, la teatro, la danco kaj la muziko. La evoluo de la parola lingvo kondukis al ties materiala formo, kio postulis sisteman koncentriĝon mensan kaj konstantan zorgon por la transdono de scioj kaj por la konservo de informado.

En ĉiuj civilizacioj, la 'superaj' kastoj (militistoj, reĝoj, imperiestroj, ktp.) akceptis ĉi komencajn artistojn kiel distrajn elementojn. Kaj la kastoj 'en posedo de la scio' (sorĉistoj kaj pastroj) rezervis al si la uzon de la skriba lingvo, kio ebligis la simbiozan asociadon kun la



atribuita al Jean Clouet, *Francisko la 1-a*, ĉ. 1524
Parizo, Louvre-muzeo

potenco-tenaj kastoj kaj la sekvan, plenan aŭtoritaton super la senhavaj popol-tavoloj. En la Mezepoko, la kunrego de la eklezio kaj de la nobelaro estigis tre rimarkindan separon. Unuflanke staris la duopo nobelaro-eklezio, kiu estris kaj direktis la vivon de la ceteraj civitanoj. Aliflanke staris la civitanoj kies servilaj okupoj, nome, terkultivado kaj primitivaj metioj necesis por kontentigo de elementaj bezonoj kaj por farado de armoj militaj. La plej distingitaj profesioj estis tiuj de militistoj kaj pastroj. La eklezio konservis kaj progresigis la lingvon stimulante la studon de la skolastika filozofio, dum la nobelaro sin ekzercis kaj perfektiĝis en la milit-arto. La ceteraj okupoj, konsiderataj malsuperaj kaj nedignaj, apartenis al la plebo. Artistoj, pentristoj, muzikistoj, kantistoj, deklamantoj ktp. distris la anojn de la rega, du-branĉa klaso eklezio-nobelaro, kiu konsideris sin supera kaj 'kultura' kompare kun la plebo kaj servutuloj.

Ĉi klas-apartigo daŭris fakte ĝis la eksplodo de la Reformacio, en la 16ª jarcento (kun Martin Lutero kiel protagonisto) kaj ĝis la apero de la burĝaro ĉefe en la nordaj landoj. La imperiestro Karolo V kaj ties filo Filipo II furioze oponis al ĉi tendencoj renovigaj de la kristana doktrino kaj plu subtenis la 'prestiĝon' de la regantaj klasoj, dum en Nederlando, Anglujo kaj Germanio disvolviĝis la industria-komerca spirito kaj la libera penso opone al la katolika dogmismo. La katolika Eŭropo plu disdegnis la 'utilismajn aktivecojn' de la Eŭropo de la Reformacio kaj ilia disduiĝo estis kvazaŭ traŭmata ŝoko por la eŭropaj katolikoj kaj por la novaj respublikoj sud-amerikaj sendependiĝintaj de la hispana imperio. Kaj dum la norda Eŭropo rapide progresis science, teknike, komerce kaj industrie, la suda Eŭropo stagnis en siaj reakciaj ideoj kaj elĉerpiĝis klopodante kontraŭstari perforte la nedeteneblan antaŭeniron de la KULTURO. La triopo 'militisto', 'pastro' kaj 'riĉa sentaŭgulo', dum longa tempo ĉefa reprezentanto de la hispana k u l t u r o manifestiĝis ankaŭ en la hispanidaj respublikoj amerikaj. Kaj eble tial, la informaj medioj de Latin-Ameriko interpretas iel konfuze la koncepton de k u l t u r o.

Kaj tio, kio en pasinta epoko konsistigis formon de societo rigide reglamentita, estas hodiaŭ vera ridindaĵo ĉar oni havas pens- kaj agliberon nekompareble pli grandan ol en la 15ª, 16ª, 17ª, 18ª kaj 19ª jarcentoj. Hodiaŭ la k u l t u r u l o j konfuzas distron kaj amuzon kun la vera KULTURO. Ili ekstaziĝas antaŭ pentraĵo (ĉar rekomendita de iu art-komercisto), kvankam ili ne havas eĉ la plej etan nocion pri desegno, teorio de la koloroj, perspektivo kaj art-historio. Aliaj raviĝe aŭskultas ĉinan operon (ĉar 'kritikisto' ĝin rekomendas) sen esti certaj pri la situo de Ĉinio kaj sen koni ion ajn pri ties historio. Aliaj faris longan vojaĝon al Grekujo por ĝui, inter la ruinoj de la teatro de Epidaŭro, antikvan dramon el la helena epoko kaj aŭskultas per aŭdiloj la tradukon, pli malpli simultanan, de tio kion la aktoroj deklamas en la scenejo. Kaj rilate literaturon, la k u l t u r u l o j legas la furor-librojn rekomenditajn de la k u l t u r a j paĝoj de dimanĉaj ĵurnaloj, kvankam tiaj legantoj ne kapablas redakti eĉ simplan komunikon per laŭregulaj sintakso kaj ortografio.

Ĉio ĉi donas la impreson, ke la tuta afero temas nur pri speco de parademo, manifestiĝanta per elmontroj de k u l t u r o *pour épater le bourgeois*, kaj ke esence ĝi estas distro, kiu postulas nenian krean strebon.

*LUKIZARRA*

## ILI DIRIS...

### Salman RUSHDIE



el *Speak Up* 26, 1989

SAĜULO SOLAS

Ekzistas kelkaj homoj, diris Lee Kok Fook, kies malbeno estas, ke ili malsamas de la ceteraj. Inter pensuloj, ili perceptas nur mankon de praktikeco; inter aguloj, ili funebras la foreston de la penso. Kiam ili estas ĉe unu ekstremo, ili sopiras la alian flankon. Tiaj homoj estas kutime solecaj, neamataj de la plimulto, nekapablaj amikiĝi kun iu, tial ke amikiĝi estus agnoski la pensmanieron de aliulo. Sed eble ne estas tiel granda malbeno esti sola; saĝo malofte troviĝas en homamaso. Kaj ankaŭ, ŝi aldonis fandante sin ĉirkaŭ lin, ĉiam estas tempoj, kiam tiaj homoj ne estas tute solaj.

el *Grimus*, 1975. Grafton Books, Glasgow 1986, p134




## FREŬDECA FELIETONO

Arthur SCHNITZLER *Sonĝonovelo*
romano, elgermanigis Michel DUC GONINAZ
Kava-Pech, Ĉekio, 1997, 96p.

Nia germanisto kaj rusisto DUC GONINAZ alfrontis la malfacilan taskon traduki esperanten unu el la lastaj verkoj de la aŭstra kaj juddevena romanisto kaj dramaturgo Arthur SCHNITZLER (1862-1931), reliefa reprezentanto de tiu klimaktera kaj dekadenca periodo de la rakontarto, rajde inter la pasinta kaj nuna jarcentoj. Tial, laŭ mia tute subjektiva pritakso, la verkstilo de Schnitzler iom kolizie pendolas inter la pedante vortozaj priskriboj de la deknaŭa jarcento kaj kelkaj pli modernismaj elanoj al kafkeskaj kaj freŭdismaj simbolismoj kaj kriptaĵoj de la unuaj jardekoj de nia sekolo.

La ĉefa protagonisto de ĉi tiu *Sonĝonovelo* estas Fridoleno, bonstata kuracisto, deckonduta edzo kaj patro en la antaŭmilita burĝa kaj habsburga Vieno. En la daŭro de pokaj tagoj (precipe noktoj) li estas implikita en ege komplikajn kaj maltre kredindajn aventurojn, dum kiuj pluraj virinoj, ĉefe putinoj, lin tentas kaj delogas, kvankam neniam la faktoj alvenas al atenditaj epilogoj. Iam mistera kaj belega nekonatino eĉ oferas sian vivon por lin savi. Sed la aŭtoro sufloras ke la ambiguaj impresoj povas ekesti, pro tio ke ne ĉiam ni povas klare atesti ĉu ion ni vere travivis aŭ nur sonĝis. Nur tio ke mi ne sukcesis deĉifri la diferencojn, t.e. kiam temas pri realo kaj kiam pri sonĝo. Eble nur miakulpe, ĉar neniam mi tro emis suĉi senkritike la psikanalizajn teoriojn. (Atentindas ke Schnitzler estis mem kuracisto kaj allogita de la freŭd-aj kaj Adler-aj pensoj.)

Do, kiel aludite komence, la intrigo estas lardita per senfinaj priskriboj de ĉiutagecaj detaloj (koloroj kaj fasonado de la vestaĵoj, vizaĝtrajtoj, apartamentaj meblaroj, veterstato, longa listo de strat-plac-palac-kaj-kvartalnomoj de Vieno ktp. ktp.), kio igas larĝan parton de la rakonto iom taglibreca, dum, male, aliloke torentas torditaj, fantasmagoriaj epizodoj, ĉiam laŭ tre felietoneca stilo (ekzemple: dumnokta, tragika dancorgio en mistera domo, inter maskitaj kavaliroj kaj tutnudaj virinoj). Kelkloke eĉ ŝajnis al mi spuri antaŭsignojn de la nigraj hororfilmoj de HITCHCOCK.

Konklude, malgraŭ kelkaj miaj skeptikoj pri la temoj kaj verkstilo de Schnitzler, mi devas konfesi ke la komenca tedo pro la citita, balasta detalemo, de paĝo al paĝo kreskis en mi la intereso plulegi, almenaŭ por malkovri ĉu la sugestitaj tragikaĵoj, la anoncitaj perfidoj kaj geedza frakasiĝo finfine efektiviĝos aŭ ne. Kompreneble tion mi ne malkaŝos ĉi tie, lasos al la potencialaj legantoj ilin mem malkovri.

Pri la traduko mi jam certis ke la nomo de nia akademiano Duc Goninaz estas nepra garantio. Nur mi min demandas kial la originala nomo Marianne fariĝis Mariana, dum Albertine iĝis Albertino. Kaj kial aliaj nomoj aperas originforme. Krome mi jam sciis el akademia cirkulero ke Goninaz iom idiosinkrazias antaŭ la prepozicio "da". Fakte li skribas: "Aĥ, kiom homojn mi ne vidis". Krome li uzas "balde" kaj "morge", kio, male, trafas mian plenan konsenton (kvankam aliloke li skribas: "Morgaŭ morgaŭos", cetere tre bela eldiro, kiel pluraj aliaj, trafaj kaj sukaj esperantigoj).

La verko certe plaĉos al ŝatantoj de psikologiaj kaj (milde) erotikemaj intrigoj. Kava-Pech eldonis la libron en tre eleganta vesto.

*Aldo DE' GIORGI*

# MEJLOŜTONO AL EPOKKONVENA, SCIENCA ARGUMENTADO



Reinhard SELTEN redaktis
*La kostoj de la Eŭropa lingva (ne-)komunikado*
elitaligoj de Umberto BROCCATELLI
"espERAnto" rADIKALA aSOCIO, Romo, 1997, 150p.
eldonita kun la financa
subteno de la Eŭropa Unio,
disponebla ankaŭ en la lingvoj
angla kaj itala

Se paroli pri la EU-aj ŝtatoj, antaŭ 25 jaroj apenaŭ iu serioze okupiĝis pri protekti la arbarojn kaj egalrajtigi la du seksojn. Hodiaŭ, oni vaste disigas la rubajn konsistaĵojn: vitro, papero, plasto, toksoj, piloj disde la cetera rubo. Popularaj estas organizoj kiel Amnestio Internacia (AI), Verdapaco (*Greenpeace*), Kuracistoj Senlimaj (*Médecins sans frontières*) kaj aliaj luktantaj por niaj medio, balenoj, aero, oceanoj, arbaregoj, boatofuĝintoj, minoviktimoj.

Milito, bestobuĉo, poluo – jen konkretaj punktoj atakendaj, atakeblaj kaj atakataj. Unuflanke homoj mondvaste pribatalas la poluon de l' akvo kaj aero, aliflanke nur malmultaj pribatalas aŭ eĉ rimarkas la poluon de l' lingvoj kaj kulturoj. Kio pri planedo sen persekutataj fokoj, sen borinsuloj, sen acida pluvo, sen atomcentraloj, sed same sen malsamaj lingvoj kaj sen kulturoriĉeco?

Ĉu niaj lingvoj kaj kulturoj post 25 jaroj ĝuos la saman atenton kiel hodiaŭ la ekzemploj supre menciitaj? Giorgio PAGANO datas la aferon eĉ pli frua: *Ni devas solvi la problemon antaŭ la fino de la jaro 2005.* Tio estas la titolo de lia antaŭparolo (pVII) de *La Kostoj de la Eŭropa Lingva (ne-)Komunikado* (*KELK*). Li, la projektestro kadre de "espERAnto" rADIKALA aSOCIO, elektis tiun daton, ĉar ĝi estos la ekfunkcio de la 'Komuna Merkato de la Du Amerikoj' (pVIII).

Komuna merkato – jen ekonomia termino. Kaj fakte – malgraŭ la gravaj punktoj kulturo, lingvo kaj interkompreniĝo – temas pri ekonomi(k)a tereno ĉi tie, temas pri la "kostoj de (ne-)komunikado", kaj redaktis neniu alia ol Reinhard SELTEN, la Nobel-premiito pri ekonomiko de 1994. Ekonomi(k)o kaj (tele)komunikado – kiu alia temoparo ja pli skuas tiun ĉi sojlon al nova jarmilo?

La libro estas vera trezorokofro plena je valoraj faktoj. Unuopaj tezoj certe jam estas legitaj au aŭditaj de unuj aŭ aliaj el vi, karaj gelegantoj, sed – ĉu jam konataj aŭ ne – ili ĉiuj nun, en tiu ĉi momento kiam vi estas legantaj, estas des pli aktualaj kaj gravaj. Aldoniĝas, ke sole la kompakta ĉeesto de tiuj tezoj en unu verko jam impresas kaj fine subtenas la esperantistojn kaj interlingvistojn ankoraŭ pli insiste levi sian voĉon.



Unu frazo de Rolf RIEHM, germano kaj kreinto de la hispaneca esperantido Unitario, por ĉiam impresis min:

"Eĉ la multe laŭdataj kongresoj de la esperantistoj servas al ja ĉefe la memkonfirmo de tiuj, kiuj jam kredas al la granda ideo, sed ne al ataki kaj konvinki la ceteran mondon."

*KELK* estas plia mejloŝtono de la vojo de l' esperantistoj al moderne, epokkonvene, science argumentanta seriozulo for de getece, klanece, koteriece kaŝita klubano flirtiganta la Verdan Standardon, prikantanta la Majstron, kaj dancanta la Bambon.

La interplektiĝo de faktoroj estas priskribita tielĉi:

"La solvo, al kiu venas tiu ĉi volumo, proponante la adopton, al la rolo de *lingua franca* unue eŭropa kaj poste tutmonda, de planlingvo, ne estas do sugestita nur de ekonomiaj konsideroj. Ĝi kontraŭe baziĝas esence sur kialoj kiuj rilatas al moralaj principoj, al argumentoj de politika demokratio, al kulturaj kaj eduksciencaj pritaksoj." (pVIII)



La listo de kontribuintoj legiĝas kiel kiu-estas-kiu-on: BERTI, BORMANN, ERASMUS, FRANK, KRAUSS, MAERTENS, MINNAJA, PIRON, POOL, RIDOLFI, SELTEN, URUENA-ALVAREZ, WICKSTRÖM. Ĉiujn ĉi-kampe atendatajn temojn kaj kapvortojn iliaj tekstoj traktas: kostoj kaj utilo de lingvouzo, lingvaj diskriminacio kaj estingiĝo, la multlingveco en EU, kostoŝpara glatigado en komunikado, permaŝina tradukado, la t.n. lingvoorientiga instruado LOI, studo pri Esperanto fare de la Italia Ministerio pri Publika Instruado, decidostrategioj ĉu lerni Esperanton ricevitaj el la ludoteorio – pli detale krome: la relative facile mezureblaj kostoj de tradukado aŭ de lingvolernado kontraste al tre malprecize mezurebla kulturovaloro (p13), la valoro de lingvo kiel merkata armilo aŭ kiel varo (p16), lingvo kiel homa rajto (p18), la financa perdo de entreprenoj kaŭze de lingvaj problemoj kaj tie rezultantaj perversaj efikoj (p43-44), la tradukokosta procentaĵo el la EU-buĝeto kiel prezo de la demokratio (p50), la diferenco inter laŭleĝa egaleco kaj laŭuza limigo al malmultaj (labor)-lingvoj (p52), la neceso de grandvortaro (p62), de fakvortaroj (p60), de EU-vortokolektoj (p62) kaj de fakaj tekstoj pri EU-traktatoj (p59), la proksima katastrofo de lingva estingiĝo (p90), senvalorigi sian propran lingvon samtempe agnoskante kaj instruante kiel valoran lingvon nur la anglan (p94).

Multas pripensigantaj frazoj en *KELK*. Jen kelkaj:

"... estas bone bazita la opinio ke sumo inter 1.000 kaj 2.000 miliardoj da liroj estas asignita al malpli validaj projektoj, nur tial ke tiuj pli validaj ne estis prezentitaj sekve de lingvaj kialoj." (p44)

"... pli ol 40 milionoj da eŭropaj civitanoj [...] parolas minoritatajn aŭ regionajn lingvojn. La katalana estas parolata de pli ol 7 milionoj da personoj. Sed la dana, kiu estas oficiala lingvo de la Unio, havas nur kvin milionojn da parolantoj." (p51)

"Ni ĉiuj scias, ke la biologia medio [...] estas grave endanĝerigita. Kio okazas al nia lingva medio?" (p90)

"Ĉu lingvoj estas tiom malpli gravaj ol limakoj aŭ makulitaj noktuoj?" (p91)

Jes, demandite prave kaj grave.

*Claus J. GÜNKEL*

## LA ALIENISTO

**Machado de ASSIS, *La alienisto***
**novelo, elportugaligis Sergio VIANA**
**Fonto, Brazilo, 1997, 95p.**

Imagu landon ne tre evoluintan en kiun revenas unu el ĝiaj filoj post sukcesaj studoj eksterlande. Universitata kariero – ja proponita al li – ne allogas lin: li volas sekvi sian instinkton kaj helpi la homojn. Politiko alvokas lin.

La lokaj politikistoj, apenaŭ pli kleraj ol la amaso, facile submetiĝas al la sugestoj de la reveninto kaj la rezulto estas torento da normalaj homoj eniranta frenezulejon konstruigitan de la ĵusa reveninto. Neniu eskapas kaj baldaŭ preskaŭ ĉiu (kaj pro ĉio) en la lando estas vizitinto aŭ vizitanto de la frenezulejo, en kiu la fama reveninto faras ion, kion nur Dio scias (kaj li). Ĉu eksperimentojn? Nu, eble...

Por defendi siajn agojn la eksterlande instruita reveninto eĉ antaŭenigas novan teorion, sed la rezultoj ne estas tiuj atenditaj kaj sekvas ribelo, en kiu la koruptaj politikistoj timas sian seĝon kaj la fridpisuloj sian kapon. Falas registaroj, revenas registaroj, okazas konfuziĝo kaj ĥaoso, sed kompreneble la alte kaj eksterlande edukita (jam) famulo kapablas elturniĝi (vivu la naiveco!) kaj li restariĝas. Ĉiuj – krom li – estas frenezaj kaj sekve ilia loko estas, nu, en la frenezulejo, kie fine ankaŭ li trovos sian lokon.

Eventoplena rakonto en tre flua stilo, kiu kaptas la leganton, eble ankaŭ pro la fakto ke la eventoj povus esti okazintaj kie ajn, ne nur en neevoluinta lando. Fakte, eĉ ne temas pri lando kaj pri politikisto en ĉi novelego, sed pri... Nu, la leganto mem malkovru, kion kaj kiel kapablas verki unu el la ĉefaj verkistoj de Brazilo, kies literatura kariero etendiĝis dum la tuta dua duono de la pasinta jarcento.

Dankojn meritas la tradukinto pro sia laŭdinda laboro, kaj malpli da dankoj al la provleganto(j), kiu(j) ne tro faris sian laboron, kaj sekve jen kaj jen sur la paĝoj de la libro la leganto trafas erarojn, inter kiuj la plej ĝena estas la misuzo de la refleksivo. Foje tiuj eraretoj necesigas duan legadon de la frazo, sed fine la tuto estas tre ĝuinda kaj, jes, instrua: diktatoroj venas kun ridema vizaĝo kaj allogaj proponoj (kaj foje kun eksterlandaj spertoj), kiuj igas ilin 'elektiĝi' demokratie.

*Ionel ONET*

## VIGLA MUZO DE KLARVIDA BARDO

Timothy Brian CARR, *Sur Parnaso*, poemaro FEL, Antverpeno, 1998, 118p., ĉ. 13 eŭr.

Se recenzo taŭgu por inviti al legado aŭ male por evitigi penojn magrarezultajn, dirindas al konantoj de la parnasismo ke temas pri elstara produktaĵo tiaskola. Do, laŭ via propra gusto enplonĝu aŭ forkuru, ĉar en ĉi tiu poemaro oni trovos nenion novan subĉiele: bonege rimitajn kaj ritmitajn pecojn sen aminskua poezia enhavo, precipe sen finastrofa aŭ finaversa sparko iluminanta profundajn regionojn aŭ reagojn, sen transcendo de la vestaj formoj. Tamen bele tornitas vivospertoj. Por vi bakiĝis la sonetoj, se unuarange vi deziras ĝui palmofajrojn kaj rafinojn, senpekajn versoludojn profesiajn kvazaŭ de cirkisto kiu ĉiuvespere prezentas siajn ĵonglojn, kvankam pli multe por elmontri siajn kapablojn ol pro mistera vivopela urĝo neantaŭvidebla kiu lin kaj vin fascinas refenikse. Sed se en tortura viv-izolo vi serĉas sengalonan poezion aŭ spinoskuan korelverŝon, transpromenu al kolektoj *Ĉomo-Lungmaj.20*

Jen specimeno el la recenzata libro:

POETIKO

*Nun, kiam klikas tiom da utiloj;*
*dum komputoroj anstataŭas lerni,*
*kaj eblas lukse en aŭtomobiloj*
*polui kaj masakri sen konsterni,*
*kaj ĉie anestezaj dissendiloj*
*en mensojn povas varojn, verojn sterni;*
*en la epoko de ŝaltilfaciloj*
*ĉu rajtas la poeto malmoderni?*

*Jes! poetikojn pigrajn li kontestu!*
*Malmankas paĝoj vakaj, lamaj, plataj*
*– de l' nuna mondo nur speguloj flataj.*

*Kontraŭ erao fia li tempestu!*
*Kaj krom pasio, vervo kaj animo*
*instigu pulsa ritmo, flusa rimo.*

Por homo ne familiariĝinta kun tiaj poeziaj raraĵoj ĉi verskolekto taŭgus kiel pruvilo de la malabarismaj povoj de nia poezio. Kvankam tio



jam dekaloĉaje plene elpruviĝis, tamen bonas pludaŭrigi ĉi tiun tradicion, ĉar nia lingvo akiras plusajn suplojn, des plie se oni konsideras ke ĉiuj skoloj kaj esprimmanieroj valoras. Ĉi tie oni trovos novajn rimojn precipe pere de fakaj vortoj kaj kelkfoje piv-angulaj mucidaĵoj kiuj eble ne akirintus identokarton poezian se la aŭtoro ne minintus ilin rimocele: flandra, makadamo, dafodilo, pilorio, krokusoj, blunderbuza... Se la sentoj disiam ŝajnas trivitaj, amplifilaj aŭ redukte referencaj, almenaŭ la rimoj jen kaj jen surprizas aŭ novecas kvazaŭ en krucvortenigmo. Tro personaj mencioj distancigas la leganton disde la poeto, ĉar ne eblas apliki la enhavon aŭ la senton proprapsiken. En la parto pri 'Esperantujo' mi esperis ke la aŭtoro analizos nian mondon kun ĝiaj vundoj kaj misaĵoj. Sed li supraĵe restis, maksimume li kritikas sole kritikistojn. Ĉu ne troveblas pli grandaj plagoj inter ni?

Malgraŭ ĉi tiuj riproĉoj, la aŭtoro certe laŭdindas en lia persistemo kaj elstara lingvorego. Tre malmultaj poetoj tiom eminente majstras sian muzikan instrumenton. La aĉeton de la libro mi ja rekomendas ĉar multon oni povas lerni kaj admiri.

*Abel MONTAGUT*

el angla

# Mezepoka judaraba lingvo

**ndlr:** Per mallonga ekstrakto ni celas atentigi vin pri hindia verkisto Amitav GHOSH. Li certe havas mondkulturan valoron. Naskita en Calcutta, en 1956a, li studadis en New Delhi, Oxford kaj Alexandria. Poste li instruadis en universitatoj de New Delhi, de Virginia, de Columbia. Li jam verkis du romanojn (*The Circle of Reason* kaj *The Shadow Lines.*) kaj ĉi tiun *In an antique land*-on[1], realisman priskribon de zorgoj kaj malkovroj de studovojaĝanta sociologo kaj etnohistoriisto, kiu provas rekonstrui la socian historion de mezepoka judaraba komercisto kaj de ĉi ties ĉirkaŭaĵo. Sur nigra fono de vulgarulaj naivadoj, religiaj fanatismoj, policistaj baŝibozukadoj, militemaj naciismoj, ekstariĝas konvinko-ruiniga rakonto pri epoko, kiu pace kunvivigis judojn kaj arabojn. Bedaŭrinde, la libro ne ekzistas en la esperanta, do, se vi povoscias la anglan, nepre aliru ĝin en tiu lingvo: ĝia enhavo meritas interesiĝon de esperantoj.

Post tiu vizito evidentis por mi, ke restas nur unu elirvojo, kaj ke ĝi estas la aliro al la Geniza-dokumentoj[2], rekte al la propraj skribaĵoj de Ben Yiju[3] mem. Sed tiun vojon baris ŝajne ne trapasebla obstaklo: la lingva barilo.

La dokumentoj de Ben Yiju plejparte estas skribitaj en nekutima, hibrida lingvo: unu el la tiel arkane sonantaj, ke ĝi vere valorus apartan artikolon en ia libro pri "Mirigaj Faktoj". Ĝi estas konata hodiaŭ kiel la 'judaraba'; ĝi estis konversacia dialekto de la mezepoka araba lingvo, skribita per hebreaj literoj.

La judaraba disvolviĝis post konkero, dum la 7a jarcento, de la plej granda parto de Mezoriento kaj Nordafriko. Tiun ĉi konkeron plenumis muzulmanaj armeoj plejparte varbitaj en la Araba Duoninsulo. La lingvo de la konkerantoj rapide trudiĝis por anstataŭi la aliajn lingvojn de la imperio, inkluzive la aramean, la tiam plej ĝenerale uzatan lingvon de la judoj en tiuj regionoj. Sed, memkompreneble, la judoj plue uzadis la hebrean por religiaj aferoj, kaj tiam, kiam ili komencis skribadi en sia laste adoptita lingvo, tio okazis pere de la sanktigita alfabeto de iliaj Skribaĵoj.

El tiu divers-erca kunfandado rezultis alojo havanta sian apartajn glimon kaj teksturon, kun malmulte da similo al la skriba lingvo de muzulmanaj araboj. La skriba lingvo araba, en ĝiaj kutimaj formoj, estas literatura variaĵo kaj estas pli-malpli norma tra la Araba Mondo, de Maroko ĝis Irako. La parolata araba, aliflanke, ŝanĝiĝas tiel multe de unu regiono al alia, ke la parolo de irakano estas preskaŭ nekomprenebla al marokano. Vera abismo disigas ĉi tiujn du registrojn de la araba lingvo; la formalan, literaturan lingvaĵon, de la slangecaj regionaj dialektoj: por ĉiuj praktikaj uzoj ili estas lingvoj malsimilaj, ĉiu kun siaj propraj vortaroj kaj gramatikoj.

La judaraba, male determinita, ne estis simila al iu ajn formo de la araba: malsimile de la dialektoj, ĝi estis skribata lingvo, kaj malsimile de la skriba araba, ĝi havis vortaron kaj gramatikon de la parolata lingvo. Ĝi estis iamaniere multe pli simpla, ol iu ajn formo de la araba: unu skribita formo de la familiara lingvo. Sed, ĉar la familiara araba lingvo variadis laŭ regionoj, ankaŭ la judaraba emis ekpreni iel malsimilajn kolorojn en diversaj partoj de la araba mondo. La lingvaĵo de la *Geniza*-dokumentoj, ekzemple, havis fortan parfumon de la nordafrika araba, tial ke multaj membroj de la komunumo devenis el tiu regiono.

Sed kvankam la judaraba estis multe pli proksima al la parolata lingvaĵo, ol al la literatura araba, ĝi ne estis unuforme familiara. Tiuj, kiuj ĝin uzis ofte provadis enkonduki la araban klasikismon en siajn sribitajn lingvaĵojn, kun diversgrada sukceso. Ili ofte utiligis vortojn aŭ orto-

fotis David Katzenstein



grafiaĵojn, kiuj konsternus bone edukitajn arabajn muzulmanojn, sed kiujn ili prenis por elegantaj skribmanieroj. Post forpaso de ok jarcentoj, tiuj strangaj solecismoj ofte havas ian mallertan, kortuŝe homan gracion, tie kie la ĝusta formo ŝajnus nur formala aŭ afekta.

Samtempe, ĉiuj, kiuj skribadis judarabe, havis ĝisfundan konon de la Hebreaj Skribaĵoj, kaj, kvankam ili kutime ne kapablis uzi la hebrean kiel parolan esprimilon, ili estis tre kapablaj citadi en ĝi. Tiele ilia prozo estas farĉita per hebreaj proverboj kaj longaj bibliaj eltiraĵoj, samkiel per juraj kaj religiaj terminoj el la arkaika aramea lingvo.

*Amitav GHOSH*
*elangligis EdZ*
el *In an antique land*, Alfred A. Knopf New York[4], 1993, p101-103

**1.** Angle: *En unu el la antikvaj landoj.*
**2.** *Geniza'* = arkivejo de la sinagogo Ben Ezra en Kairo (Egipto)
**3.** Ben Yiju = araba komercisto juda, kiu, fine de la 12ª jarcento, loĝis en Hindio, kaj al kiu skribadis leterojn lia 'sklavo' el Kairo. Unu el tiuj leteroj, la manuskripto M.S. H.6 konservata en la Nacia Biblioteko de Jerusalemo, "letero de la sklavo", estis la origino de la priserĉadoj de Amitav Gosh pri Ben Yiju.
**4.** Unue: Granta Books, London, 1992.

# SOLVO DE 'KVE-80'

Monogramoj:
H3: **T**orben **K**EHLET; V5: **N**ikola **A**LEKSIEV

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| T | O | P | I | N | A | M | B | U | R |
| E | S | A | M | E | N | ■ | E | M | O |
| T | K | ■ | P | ■ | D | E | K | U | M |
| R | U | B | E | K | O | L | A | ■ | U |
| A | L | E | T | ■ | N | E | B | U | L |
| G | I | L | I | N | ■ | F | U | ■ | ■ |
| O | ■ | A | G | A | P | A | N | T | O |
| N | O | D | I | ■ | I | N | G | ■ | B |
| I | K | O | N | O | S | T | A | Z | O |
| O | R | N | A | M | I | ■ | J | O | L |

# SOLVO DE 'ŜPB-80'

**1.** e7, Te4 **2.** Tc5+, Ra4 **3.** Tf5, e2
**4.** Tf4, e1D **5.** e8D+ Mato!
M. Botvinnik (1949) *Algis*

❋

**Laŭron al pliaj solvintoj de 'Proverbo-ĉifro-79'**
*PEJNO Simono, Trevor STEELE*

## NI LERNU EL BESTOJ...



La usona gazeto *International Herald Tribune* de la 30-a de decembro 1996 raportas, ke en la naturparko Pilanesberg, en Sudafriko, malaperis elefantoj, interalie pro epidemio. Oni do enkondukis junulojn el alia rezervejo, kie ili trois.

Dum la sekvaj monatoj pereis en Pilanesberg dudeko da blankaj rinoceroj, pro vundegoj, kiuj tute ne similis la kutimajn, faritajn de ŝtelĉasistoj, por rabi la rinocerajn kornojn, laŭdire kaj stulte afrodiziajn (seksovekajn). Nokta observado trovis la kulpulojn: la junajn elefantojn, kiuj ĥuligane ope atakis rinocerojn, en konduto tute nenormala; ambaŭ specioj kutime tute pace apudvivas.

Iu zorganto havis ideon; enkonduki plenkreskajn elefantojn, kiuj 'edukus' la gejunulojn. Oni unue alportis virajn bestojn; la sukceso estis duona; la atakoj daŭris, kvankam pli malofte. Ili tute malaperis, nur kiam oni enportis ankaŭ inojn, kiuj organiziĝis kiel kutime, tio estas ke kuniĝis aroj de elefantinoj, sub estrado de unu maljuna ino; la virseksaj junuloj estis edukitaj en tiuj aroj, kaj allasitaj al la ĉirkaŭvivantaj grupetoj de maskloj, nur kiam ili kondutis, kiel devas honesta juna respektinda virelefanto...

Tiu rakonto estas vera, kvankam fabelaspekta; cetere zoologoj konas edukadon en multaj aliaj bestaj specioj, kaj televido kutimigas nin al tiuj etologiaj konstatoj. La mistero restas, ke oni tute ne perceptas, kiel faras la plenkreskaj elefantoj por 'eduki' la junulojn; nenio estas videbla por homa okulo; tre malofte, de tempo al tempo, plenkreskulino kolere blekas al junulo, ŝajnigante atakon, kiu cetere neniam okazas. Estas ĉio. Sed sufiĉas. Homa observanto ne komprenas, kio okazis. Edukado. Sed kia? Mistero.

*Jean-Luc TORTEL*

## PRI NEELPAROLEBLAJ KONSONANTSINSEKVOJ (piednote)

**ndlr:** Vidu en *LG78*, p19, recenzon de Kris Long pri *Poemaro de Li Bai.*

Tro ofte oni legas en recenzo (tro ofte mi skribis mem) pri tro da neelparoleblaj konsonantsinsekvoj en poezio tradukita – miskunmetitaj vortoj aŭ falsaj elizioj kiuj vere postulas kroman silabon.

Sed montriĝas, ke du homoj, kiuj same multe plendas, ne konsentas, ĝuste kiuj konsonantsinsekvoj estas neelparoleblaj.

Prelego de Marc van OOSTENDORP pri *Mediteraneaj Silaboj* dum l' UK en Montpellier eble helpas doni kriteriojn por tiaj juĝoj.

Li difinis skalon de vokaleco jene (mi uzos pli simplajn terminojn), de plej ĝis malplej: vokaloj, likvaj konsonantoj (ekz. 'l'), nazaj (ekz. 'n'), frotaj (ekz. 'f'), eksplodaj (ekz. 'p').

Tiam li argumentis, ke en bone formita (mediteranea) silabo vokaleco kreskas (pli ĝuste ne malkreskas) antaŭ la vokalo kaj malkreskas (pli precize ne kreskas) post ĝi.

Sed kiel dissilabigi vorton? Pri tio eblas longe diskuti, sed por nunaj celoj ne gravas, ĉu ekzistas pluraj eblecoj, gravas nur, ke almenaŭ unu!

Do "frambteo" (en traduko de Kurzens) estas akceptebla, "fingrpinto" ne, ĉar bone formitaj silaboj neniel rezultas (fingro devas esti fin/gro aŭ fing/ro, ne fingr/o). Do necesas kvarsilaba fingropinto.

El deko da sinsekvoj, kiujn mi krajonstrekis tralegante la poemaron de Li Bai (akv' torentis, akvfac', polvforbala', la akv' de, poplfloroj, akv' vaporo, en kontempl' rigardis, la akv' murmuras, perlkurtenojn, larmĉenojn), la lastaj du estas akcepteblaj laŭ la supra kriterio, kaj 6 el la ceteraj 9 temas pri akv' (ĉu elparolproblemo? Ĉu – al pli ol unu ĉina tradukinto – ĝi sonas *aku*?). Do fakte ne tiel abundas ĝenaj konsonantsinsekvoj.

*Kris LONG*




# Kiel oni silentas en diversaj nacioj

En miaj priesperantaj prelegoj al novicoj mi ŝatas diri, ke E-o per siaj esprimeblecoj superas ajnan nacian lingvon. Sekvas abundaj ekzemploj. Tion diri – necesis tre multe legi en E-o por pluki ekzemplojn. E-o kiel neniu alia lingvo nacia senretene ensorbas naciajn sent- kaj sencesprimojn. En ĉiu nacia lingvo establiĝis propraj dirmanieroj, sencesprimoj pri multegaj difinitaj ideoj aŭ situacioj. Ŝajnus, ke per miloj da altradukoj nacia lingvo devas adopti ankaŭ alinaciajn senc-esprimojn. Sed tio ne okazas, aŭ sufiĉe malofte pro la esprimiva stabileco kaj konservativeco de la lingvo. Kaj ne nur tio. Ĉiu leganto de tradukaĵo estas jam plene programita per esprimiva teksaĵo de sia lingvo. Propono de iu nekutima vortumo por situacio povas rompi la konsekvencon de la enhav-percepto (eĉ se per momenta pripenso). Kaj la moderna tradukteorio postulas tiel traduki, ke en la alia lingvo aperu sama bildo (impreso), sed ne la samaj vortoj.

Alia situacio estas ĉe esperantistoj, kiuj libere legas (sed ne tradukas, kio gravas). Kutime ili abstraktiĝas de la nacia lingvo kaj anstataŭ stumbli aŭ enpensiĝi ili ĝue notas freŝecon-belecon de la esprimo. Tion atestas multaj librorecenzoj el kiuj mi citu nur unu:

"La manplenon de klaraj eraroj mi jam forgesis. Sed la rusismojn mi ĝuis: ili aldonis guston kaj aromon, sen kiuj la verkoj estus malpli riĉaj... Cetere mi dubas, ĉu en alilingvaj tradukoj el la rusa mi sentus la saman ĝuon." (Mark FETTES, *Esperanto* 1991/4/p71).

Sekve la E-verkisto havas multoble pli riĉan elekton el esprimvariaĵoj, ol ajnlingva verkisto. Kompreneble necesas multe legi kaj elskribi tiun riĉaĵon. (Bedaŭrinde la plejmulto da E-verkistoj ne tion faras, pro kio iliaj verkoj eĉ se interesaj enhave, estas monotonaj esprimive).

Jen kion mi notis ĉe la E-legado (el pozicio de ruslingvulo) pri la situacio de estiĝant(int)a silento. La senco preskaŭ la sama, sed la formoj plej diversas.

"Ili eniris ĉiu en sian silenton." (Sten JOHANSSON, *Fonto* 167 p18)

"Poste ni dum eble kvin minutoj... sidadis kaj fiksrigardadis unu la alian en densa silento." (Marjorie BOULTON, *Okuloj*, La Laguna 1967 p60)

"Peza silento malrapide tavoliĝis ankaŭ en la animo de la juna viro." (Asen GRIGOROV, *Vilaĝo Borovo*, Budapest 1983 p15)

"Ĉiuj pasaĝeroj jam morte silentis. Noktaj silentoj regis en la vagono." (HONG Hengwi, *La Espero el Koreio* 1988 p5)

"... falis en la silenton de morto." (Renato CORSETTI, *Eventoj* 1997 1/jul p1)

"... kaj regus tie precize kiel dirus literaturistoj – 'tomba silento', se ne interrompus ĝin..." (Roger IMBERT, *Moderna Kroata Prozo* Zagreb 1979 p49)

"Ni forturnis nin de fermita enirej' silentaj kiel ŝtonoj." (Mary WEBB, *Malbeno kara* Aŭstralio 1994 p29)



"La silento ĉe la tablo fariĝis preskaŭ fantomeca." (Åke HOLMBERG, *Ture Sventon en Londono*, Progreso, Svedio 1989 p60)

"... la ranĉistoj sin fortiris en vitrecan silenton." (K JAKOBO, *La Gazeto*, 1991/33 p26)

"... li delikate metis siajn fingrojn sur ŝian korpon, kaj li trovis ĝin silenta kiel la jarcentoj." (Georgo ABRAHAM, *Fonto* 43 p21)

"... ankoraŭ sonis kelkaj krioj, laŭtaj vortoj, poste la bruo sedimentiĝis." (István NEMERE, *Sur kampo granita*, Budapest 1983 p61)

"Kaj subite kvazaŭ falis silento." (Tyburcjusz TYBLEWSKI, *Fonto* 52 p8)

"De la plafono de la ekspoziciejo malrapide subenfalis la silento. La homoj disiĝis por rigardi aliajn artaĵojn." (Jan EXMANN, *La Kancerkliniko* 1988 48 p7)

"Mi dampis mian spiron en la silento kiu dissternis sin ĉirkaŭ ni." (IMBERT, *Moderna Kroata Prozo*, p408)

"Ŝi konsideris portempe. La silento kloŝis sur ili." (SHI Chengtai, *Monato* 1989/8 p126)

"... dum la silento denove falis sur la plankon, same kiel polvo levita de venteto refalas." (A. GARCÍA FUMERO, *Monato* 1997/11 p21)

"La silento kvazaŭ dispuŝis la murojn." (NEMERE, *Sur kampo granita*, Budapest 1983 p71)

"Estiĝis silento tiel solida, ke oni preskaŭ povus farbi ĝin." (M. BOULTON, *25 jaroj*, Budapest 1977 p113)

"Estiĝis silento tiel solida, ke oni preskaŭ povus palpi ĝin." (M. BOULTON, *Okuloj* p59)

"... ekster la ĉambro ekregas silento malagrabla kaj tiel soleca, kiel kloaka akvo." (*El Japana literaturo* Tokio 1965 p50)

"... ekstere estis mortsilente kiel en neĝa fosaĵo." (IMBERT, *Moderna Kroata Prozo* p445)

"La subita silento estis kiel tiu en arbaro kiam pepantaj birdoj ekvidas aglon." (Laŭ Ŝe, *Kamelo Sjangzi*, Pekino 1988 p177)

Kaj ĉe la rusoj eblas aŭdi: "Ekregis tia silento, ke eblis aŭdi flugan muŝon."

La citaĵojn partoprenas reprezentantoj de 13 nacioj (el Eŭropo plus Arabio, Ĉinio, Japanio, Koreio, Aŭstralio, Nordameriko). Kion ni trovos, kiam al E-verkado kaj tradukado aliĝos samideanoj el Afriko kaj Latinameriko?

*Anatolo GONĈAROV*



## ŜAKPROBLEMO 'ŜPB-81'

Blankuloj komencas, kaj matigas per 2 movoj



Tri solvintoj ricevos premion se iliaj solvoj alvenos **antaŭ** 20apr99




el angla

# ELEONORA

## I

Mi devenas de raso konata pro forto de fantazio kaj arda pasio. Oni nomis min freneza, sed la demando ankoraŭ ne decidiĝis, ĉu frenezeco estas aŭ ne estas la plej alta inteligenteco. Tiuj, kiuj revas dumtage, spertas multaĵojn ne vidatajn de tiuj, kiuj sonĝas nur en la nokto.

En iliaj neklaraj vizioj ili ricevas eklumojn de l' eterno, ektremas, trovante je l' revekiĝo, ke ili estis ĉe l' sojlo de la granda sekreto. Fragmente ili lernas ion pri la saĝeco, kio estas bona, kaj pli multe pri la nura scio, kio estas malbona.

Ili penetras, kiom ajn ili estas sendirektilaj aŭ senkompasaj, en la vastan oceanon de la lumo, kaj aliflanke ili proksimiĝas al la maro de l' mallumo por eltrovi, kio estas en ĝi.

Do ni diru, ke mi estas freneza. Almenaŭ mi konsentas, ke ekzistas du diversaj statoj de mia mensa estado – la stato de lucida racio nekontestebla kaj rilatanta al la rememoro pri okzaĵoj formantaj la unuan epokon de mia vivo – kaj stato de ombro kaj dubo apartenanta al la nuneco kaj al la rekolekto de tio, kio konstituas la duan grandan eraon de mia estado.

Pro tio, kredu, kion mi rakontos pri la pli frua periodo, kaj al tio, kion mi eble raportos pri la pli posta tempo, donu sole tiom da fido, kiom vi opinias konvena, aŭ pridubu ĝin entute.

Ŝi, kiun mi amis en mia junaĝo, kaj pri kiu mi nun kviete kaj klare skribas ĉi tiujn rememorojn, estis la sola filino de la ununura fratino de mia patrino longe mortinta. Eleonora estis la nomo de mia kuzino.

Ni ĉiam estis vivintaj kune sub tropika suno en la Valo de l' Multekolora Herbo. Neniu paŝo nekondukita iam venis en tiun valon, ĉar ĝi situis, longfore supre, inter ĉeno de gigantaj montoj pendantaj altenleviĝante ĉirkaŭ ĝi kaj ekskludantaj la sunlumon de ĝiaj plej ĉarmaj kaŝanguloj!

Nenia vojeto estis tredita en ĝia proksimaĵo, kaj por atingi nian feliĉan hejmon, estis necese, repuŝi perforte la foliaron de multaj miloj da arbaraj branĉoj kaj mortpiedpremi la gloraĵon de multaj milionoj da bonodoraj floroj. Tiel okazis, ke ni vivadis tute solaj, nenion sciante pri la mondo ekster la valo – mi, mia kuzino kaj ŝia patrino.

De la malhelaj regionoj trans la montoj, je la supra fino de nia ĉirkaŭbarita teritorio, elrampis mallarĝa kaj profunda rivero, pli brila ol ĉio, escepte de la okuloj de Eleonora, kaj, serpentumante kaŝeme ĉirkaŭe en labirinta fluo, ĝi fine forpasis tra ombra ravino, inter montetoj, eĉ pli malhelaj ol tiuj, el kiuj ĝi estis elveninta.

Ni nomis ĝin la "Rivero de l' Silento", ĉar ŝajnis esti trankviliga influo en ĝia preteriro. Neniu murmuro suprenvenis el ĝia fluejo, kaj tiel kviete ĝi migris laŭlonge, ke la perlecaj silikoj, al kiuj ni preferis rigardadi, profunde sube en ĝia sino neniel vigliĝis, sed kuŝis en senmova plenkontento ĉiu en sia propra longtempa loko pluradiante glorbrile por ĉiam.

Kaj tie kaj alie, en boskoj tra tiu herbo, kvazaŭ sovaĝejoj de sonĝoj, eksaltis fantastaj arboj, kies altaj gracilaj trunkoj ne staris rekte, sed kliniĝis gracie al la lumo tagmeze enrigardanta la centron de la valo.

Ilia ŝelo estis makulumita per la viva alterniĝa lumetaĵo de ebono kaj arĝento, kaj estis pli glata ol ĉio ajn, escepte de la vangoj de Eleonora.

## II

Man' en mano kun Eleonora mi vagadis ĉirkaŭe tra tiu valo dum dekkvin jaroj, antaŭ ol amo eniris niajn korojn. Estis iuvespere, je la fino de la tria jarkvino de ŝia vivo kaj la kvina de la mia, ke ni sidis en mutuala ĉirkaŭbrakiĝo sub la serpentsimilaj arboj kaj rigardis malsupren en la akvojn de la Rivero de l' Silento, al niaj bildoj en ili.

Ni ne parolis iun vorton dum la resto de tiu dolĉa tago, kaj eĉ en la mateno niaj vortoj estis

tremaj kaj malmultaj. Ni estis altirintaj la dion Eroson el tiu ondo, kaj nun ni sentis, ke li ekflamigis en ni la fajrajn animojn de niaj prapatroj.

La pasioj, kiuj dum jarcentoj estis distingintaj nian rason, venis tumulte kun la imagoj, pro kiuj ili same estis konataj, kaj kune ili elspiris deliran feliĉegon super la valon de la Multekolora Herbo.

La ĉarmo de Eleonora estis tiu de serafo; sed estis ŝi virgulino laŭnatura kaj senkulpa dum la mallonga vivo, kiun ŝi pasigis inter la floroj.

Neniu ruzo kaŝis la amfervoron, kiu animis ŝian koron, kaj ŝi esploris kun mi ĝiajn plej internajn profundojn, kiam ni promenis kune en la Valo de la Multekolora Herbo kaj interparolis pri la grandegaj ŝanĝoj okazintaj en ĝi lasttempe.

Fine, iutage parolinte je larmoj pri la lasta malĝoja ŝanĝo okazonta al ĉiu homo, ŝi ekde nun restadis nure je tiu ĉagreniga temo interteksante ĝin en ĉiajn niajn konversojn.

Ŝi estis vidinta ke la fingro de l' morto estis sur ŝia brusto. Ŝi turmentiĝis je l' penso, ke mi, entombiginte ŝin en la Valo de la Multekolora Herbo, por ĉiam foriros de ĝiaj feliĉaj anguloj kaj transdonos la amon, kiu nun apartenis al ŝi tiel pasie, al iu virgulino de la ekstera kaj ĉiutaga mondo.

Kaj tiam mi ĵetis min impete al la piedoj de Eleonora kaj faris voton al ŝi kaj la ĉielo, ke mi neniam ligos min je edzeco al ia filino de l' tero, ke mi neniamaniere pruviĝos malfidela je ŝia kara memoro.

Kaj la brilaj okuloj de Eleonora fariĝis pli brilaj ĉe miaj paroloj, kaj ŝi ĝemis, kvazaŭ mortiga ŝarĝo estus prenita de ŝia brusto; kaj ŝi tremis kaj amarege ploris, sed ŝi akceptis la promeson, kaj ĝi faris malpeza por ŝi la liton de ŝia morto.

Kaj ŝi diris al mi, nemultajn tagojn pli poste, trankvile mortante, ke pro tio, kion mi estis farinta por la konsolo de ŝia spirito, ŝi gardos super mi en tiu spirito post sia foriro kaj, se



John E. Millais, *Ophelie*, 1852
Londono, National Gallery

permesote estos, ŝi revenos al mi dum la maldormoj de la nokto; sed, se tio fakte estas transe de povo de la animoj en la paradizo, ŝi almenaŭ donos al mi oftajn signojn de sia ĉeesto.

Kaj kun tiuj vortoj sur siaj lipoj ŝi ĉesis sian senkulpan vivon, kio finis la unuan epokon de la mia.

## III

Ĝis tiel longe mi verfidele raportis. Sed pasante trans la barieron sur la vojeto de l' tempo formitan per la morto de mia amatinjo kaj kontinuante la duan eraon de mia ekzistado, mi sentas, ke ombro densiĝas super mia cerbo kaj mi malfidas la perfektan sánecon de la refero. Sed lasu min daŭrigi.

Jaroj trenadiĝis preme laŭlonge, kaj ankoraŭ mi loĝis en la Valo de la Multekolora Herbo; sed ŝanĝo estis veninta en ĉio. La stelformaj floroj retiriĝis en la trunkojn de la arboj kaj ne aperis plu. Kaj la or- kaj arĝentkoloraj fiŝoj fornaĝis tra la ravino je la malsupra fino de nia teritorio kaj neniam plu ornamis la dolĉan riveron.

Kaj jen laste, la ampleksa nubo leviĝis, kaj lasante la pintojn de la montoj al la mallumo de iam, ĝi refalis en la regionojn de Hespero kaj forprenis ĉiujn siajn multvariajn glorajôjn de la Valo de la Multekolora Herbo.

Tamen la promesoj de Eleonora ne estis forgesitaj; ĉar mi aŭdis la sonojn de la svingado de la incensiloj de la anĝeloj; kaj torentoj de sankta parfumo blovis ĉiam kaj ĉiam ĉirkaŭe tra la valo.

## IV

Mi trovis min en fremda urbo, kie ĉio povus servi por estingi el la memoro la dolĉajn revojn de mi sonĝitajn tiel longe en la Valo de la Multekolora Herbo.

La pompo kaj lukso de majesta kortego kaj la sovaĝa bru-tintado de armiloj, kaj la radia ĉarmo de virinoj, konfuzis kaj ebriigis mian cerbon. Sed ĝis nun mia animo estis pruviĝinta fidela je siaj votoj, kaj la signoj pri la ĉeesto de Eleonora ankoraŭ komunikiĝis al mi en la silentaj horoj de la nokto.

Subite tiuj manifestiĝoj ĉesis, kaj la mondo fariĝis malluma antaŭ miaj okuloj, kaj terurite mi staris vid' al vide de la brulaj pensoj ekposedantaj kaj la turmentegaj sentoj premantaj min.

Ĉar venis de iu malproksime fora lando en la gajan kortegon de la reĝo, al kiu mi servis, virgulino, al kies beleco mia malfidela koro fordonis sin tuj – ĉe kies skabelo mi klinis min sen kontraŭbatalo, en la plej arda, la plej humila adoro de l' amo.

Vere, kio estis mia pasio por la juna knabino de la valo kompare al la fervoro kaj la deliro, en kiuj mi elverŝis mian tutan animon en larmoj ĉe la piedoj de la etera Ermengarde? Ho, brilradia estis la serafo Ermengarde!

Kaj en tiu konscio ne estis loko en mi por iu alia. Ho, dia estis la anĝelo Ermengarde! Kaj rigardante en la profundojn de ŝiaj neforgeseblaj okuloj, mi sole pensis pri ili kaj ŝi.

Mi edziĝis, – nek timis la malbenon, kiun mi elvokis; kaj ĝia amareco ne punpremiĝis je mi. Kaj iam – nur unu fojon ree en la silento de la nokto – tra mia kradfenestro venis la mallaŭtaj ĝemoj, kiuj estis forlasintaj min; kaj ili formiĝis en familiaran kaj dolĉan voĉon dirantan:

Dormu en paco! Ĉar la spirito de l' amo agas kaj regas, kaj prenante al cia pasia koro ŝin, kiu estas Ermengarde, ci estas absolvata, pro kaŭzoj sciigotaj al ci en la ĉielo, de ciaj votoj al Eleonora.

*Edgar Allan POE*
*elangligis Wilhelm Theodor OESTE*



# ĈU VI JAM SCIAS...?

## Pri CHERPILLOD... ke

... la 16an de januaro nia akademiano triumfis en la plej malfacila konkurso pri la franca lingvo.

Tiu konkurso okazas unufoje jare, planita de Bernard PIVOT, eksa redaktoro de *Lire*, renoma revuo pri libroj. Ĝi konsistas el pluraj eliminaj ekzamenoj laŭlonge de la jaro. Multaj kandidatoj partoprenas en ili, en du kategorioj: amatoroj kaj profesiuloj. El ili ĉ. 200 atingas la finan nacian provon, kiu okazas en Parizo, ĉi-jare sur la prestiĝa scenejo de la splenda operejo Garnier, je la 14a horo. Tie, ĉiu je propra tablo skribas diktatan tekston plenan da lingvaj kaptiloj kaj respondas al 8 demandoj prilingvaj: daŭro 1 horo.



André Cherpillod jam sukcesis atingi dufoje la antaŭfinan provon kaj unufoje la finan, en la kategorio 'profesiuloj'. Ĉijare li pli intense prepariĝis; dum tri monatoj li enprofundiĝis plurajn horojn tage en la misterojn kaj stumblaĵojn de la vortotrezoro: 59000 nomoj en la vortaro *Petit Larousse*! Kiam oni proklamis la rezultojn, André Cherpillod estis la venkinto, je la pinto de la listo... trideko da ĵurnalistoj tuj sturmis lin per fotiloj kaj demandoj. Li diris al ili: "Esperanto sufiĉe multe helpis min. Male al asertoj de ĝiaj malestimigantoj, Esperanto ne kontraŭas la lingvojn, sed favoras ilin. Mia 'rekordo' bone montras tion." Li entrajniĝis kun la fieriga ora trofeo *le Dico d'or* kaj kolekto da vortaroj.

Gratulon al André Cherpillod.

## Pri ŝakoj... ke



... nia kunlaboranto Algis KASPIRAVICIUS donos apartan premion al ŝakludanto, kiu solvos la plejajn *LG*-ŝakproblemojn dum 1999: abono al *Litova Stelo* por la jaro 2000 .

## Pri societoj... ke

... unu plia verda asocio fondiĝis, dum la UK, kaj estis registrita de la franca administracio je 21sep98: "Tradicia Esperanto, Nova Help-Alfabeto", TRENHA. Ĝi celas instigi la Akademion de Esperanto oficialigi help-alfabeton pli oportunan ol tiu de la *Fundamento*. Ĝia prezidanto estas prezidinto de la Akademio d-ro André ALBAULT.

andrealbault@minitel.net

## Pri SAT-amikaro... ke

... ĝia kongreso okazos la 3-4-5apr99 en vilaĝo Glay, en verda valo de landlima regiono. Tiu regiono estas multaspekte alloga, historie kaj nature: ĝi estas unu el la plej verdaj regionoj franciaj, kun specioj de arboj famaj en tuta Eŭropo ĉar plej taŭgaj por fari belsonecajn violonojn.




La ekskurso-programo estas riĉa: olda kastelo de Montbéliard, moderna kapelo de LE CORBUSIER en Ronchamp, industrio ĉe PEUGEOT en Sochaux, agrikulturo en originala farmbieno.

Por informoj kaj aliĝoj skribu al:
Roland Cuenot, 35 rue de Villers, FR-25700 Valentigney

## Pri akademioj... ke

... la Akademio de Esperanto kreis komisionon nomitan "Konsultejo de la Akademio", al kiu oni povas skribi, faksi, ret-mesaĝi demandojn pri tiklaj lingvaj problemoj, kaj rapide ricevi konsilon aŭ rekomendon.

Jen utila servo; skribu al:
Stefan Maul, Pferseer Str. 12, 86150 Augsburg, Germanio
ret maul@newsfactory.net



## Pri OSIEK... ke



... alvenis pliaj proponoj por la premio '99:

❖ Gerrit BERVELING por *Antologio Latina*,

❖ Antonio Marco BOTELLA por *Lirikaj perloj de Al-Andalus*,

❖ Mila van der HORST-KOLIÑSKA por *Mazi en Gondolando*,

❖ Harald SCHICKE por *La korpo de la homo*,

❖ Eli URBANOVÁ por *Hetajro dancas*.

Jam estis proponitaj (vd *LG*80) William AULD, Daniele MISTRETTA, Sergio POKROVSKI, Trevor STEELE, Bertil WENNERGREN, XIE Yuming.

Ne forgesu sendi viajn proponojn, se vi estas OSIEK-ano. Se vi ankoraŭ ne estas membro de la societo, sciu ke la aliĝo estas modera, egalvaloro de 25 poŝtmarkoj por sendi leteron en via lando.

Madeleine de Zilah, La Gazeto, FR-55210 Creuë
Éric Laubacher, 1 r Bougainville FR-78180 Montigny-le-Bx



Pierro della Francesca
*Renkonto de Salomono kaj reĝino de Saba,* ĉ 1455
Arezzo, Italio, fresko, preĝejo Sankta Francisko, Arezzo, Italio,